# INTERNACIA FERVOJISTO




**ORGANO DE I.F.E.F.**

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

**26a jaro** **MARTO/APRILO 1974** **N-ro 2**




Kliŝo: NSB, Oslo

*La fervojreto de Hispanio*
*nia kongreslando por 1974*




*LA 26a KONGRESO DE IFEF* EN TARRAGONA

## LASTAJ INFORMOJ PRI LA 26a - IFEF KONGRESO EN TARRAGONA

*STATISTIKO:*

Aliĝis ĝis la 5-a de Marto 1974, el Aŭstrio 15, Belgio 10, Britio 8, Bulgario 46, Ĉeĥoslovakio 23, Danio 21, Finnlando 2, Francio 92, Germanio 90, Hispanio 79, Hungario 26, Italio 40, Jugoslavio 55, Nederlando 31, Norvegio 3, Pollando 12, Svedio 13, Svisio 15. Entute 581.

*ALIĜILOJ:*

Kelkaj aliĝiloj restas netraktitaj, ĉar la kongreskotizo ankoraŭ ne estis sendita. Tamen la kasisto informas, ke pere de la bankkonto li ricevis la kongreskotizon de kelkaj kongresanoj, kiuj ankoraŭ ne sendes siajn aliĝilojn. Do, ni petas ilin, tuj sendi siajn aliĝilojn por ordigi iliajn kongreskartojn kaj loĝadon.

*LOĜEJOJ:*

L.K.K. klopodas reservi loĝejojn por la kongresanoj laŭ senditaj ĉambromendiloj; tamen pro la tre limigita nombro de unulitaj ĉambroj L.K.K. bedaŭras ne povi plenumi ĉiujn dezirojn. Ni esperas komprenemon de la partoprenantoj kaj petas, ke kelkaj akceptu dulitan ĉambron kune kun alia kongresano.

## ANTAŬ LA 26a INTERNACIA FERVOJISTA KONGRESO DE ESPERANTO

*Iom pri Tarragona-provinco*

*SANTA MARIA DE POBLET*
*kaj SANTES CREUS*

Specialan atenton meritas la du grandaj monaĥejoj de la Cister-Ordeno, kiuj troviĝas en la provinco Tarragona

Unu el la plej malnovaj, kaj eble la plej grava el la cistercianaj monaĥejoj, kiuj troviĝas en Hispanio estas la Monaĥejo «Santa María de Poblet», kiu situas en la provinco Tarragona, en la suba parto de la montoj de Prades. Ĝi estis fondita en la jaro 1149 de la Grafo

## GRAVAJ ENHAVAĴOJ



INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO
Sekretariejo: E. Kruse, D-6 Frankfurt (M) 70, Schweizer Str. 104, Germanio
Redaktoro: Per Johan Krogstie, N-2340 Løten, Norvegio
Bankkonto: Thurgauische Kantonalbank, CH-8590 Romanshorn, Svisio


Monaĥejo, Sankta María de Poblet


Monaĥejo Santes Creus, Reĝaj tomboj

de Barcelona, Ramón Berenguer IV, kiu donacis al la monaĥoj de Font-Froide terenon nomitan «Populetum» ĉar en ĝi kreskis «pobos» (tremoloj) de kiu devenas la nomo Poblet.

Komenciĝis la konstruado de la manaĥejo en la 12a jarcento kaj ĝi daŭris ĝis la komenco de la 15a. La konstanta protekto al la monaĥejo fare de la aragonaj reĝoj, kiuj uzis ĝin kiel panteonon, kaj speciale de Pedro IV kaj Martín «El Humano», kiu konstruigis la nefinitan palacon, same kiel tiun de nobelaj familioj: Cervera Cardona, Anglesola kaj Foch faris el la monaĥejo unu el la monumentaj mirindaĵoj el Hispanio, de granda arkitektura merito kiel transira verko de la romanika al la gotika stilo, kaj prospera ekonomia kaj religia vivo, kio estis origino de aliaj monaĥejoj, ne nur en la provinco, sed en aliaj regionoj, kiel la «Monasterio de Piedra», en Zaragoza-provinco, la Reĝa Monaĥejo el Mallorca kaj tiu el Benifasar. De post 1885, multaj artaĵoj de la monaĥejo malaperis; malgraŭ tio konserviĝas, preskaŭ kompletaj, ĉiuj flankaĵoj kiuj konsistigis tiujn monaĥejojn kun ĉiuj tipaj trajtoj de la Cister-Ordeno.

Ĝi havas du remparzonojn, sed interne de la dua estas kie troviĝas la plej notindaj konstruaĵoj: la preĝejo de la 12a—13a jarcentoj, ne tro ornamita, kiel devas esti templo de la filoj de Sankta Bernardo; Ĝia transepto estas riĉigita per la reĝaj tomboj de la aragona dinastio; la klostro kun romanikaj kaj gotikaj aloj, la kanonikara aŭlo de la 13a jarcento; la admirinda biblioteko ankaŭ de la 13a kaj la palaco de fino de la 14a kaj komenco de la 15a.

En la unua remparzono troviĝas la kapelo dediĉita al la Virgulino de la Rozario, ordinare nomata de Sankta Giorgio. Ĝi estas ŝtonkonstruaĵo de la lasta periodo de la ogiva stilo; ĝi estis konstruita en 1442, de Alfonso V «El Magnánimo (La Grandanima), reĝo de Aragón.

Nuntempe la Monaĥejo estas riparita kaj denove ripozas en ĝi la postrestaĵoj de la reĝoj de Aragón kaj Katalunujo, kiuj dum pli ol unu jarcento konserviĝis en la Katedralo de Tarragona.

La Reĝa Monaĥejo Santes Creus, apartenas al sama epoko, kiel tiu de Poblet. Ĝi situas sur la maldekstra bordo de la rivero Gayá, je 30 km. de la ĉefurbo.

La sobra strukturo de ĝia preĝejo de gotika stilo de la 14a jercento, kun tri navoj, tre speciala absido, kaj en kies transepto troviĝas la tomboj de la reĝoj Pedro III «El Grande» kaj Jaime II «El Justo», forte kontrastas kun la klostro, ege ornamita en ĝiaj kapiteloj kaj kies fenestroj de flama gotika stilo estas eksterordinara belaj. La Kanonikara Aŭlo, la sobra dormoĉambro, la malgranda klostro kaj la kortoj de la Reĝa Palaco konstruita sub la protektado de la reĝoj Jaime II kaj Pedro IV «El Ceremonioso» en la 14a jarcento, kune kun la ĝardeno de la antikva tombejo formas artan tuton de neesprimebla beleco.

I. G.

El Boletin de la Federacion Espanola de Esperanto.

# Memdisciplino kiel komplemento de demokrateco

Ĉi-sube vi legas ekstrakton el artikolo, aperinta en «Esperanto», organo de UEA, verkita de ties prezidanto, prof. d-ro Lapenna, kaj aldonitan postskribon de IFEF-ĉefkomitatano Kurt Greutert.

*Memdisciplino kiel komplemento de demokrateco*

Por la glata funkciado de demokrataj institucioj, kaj sekve por la prosperado de UEA, multe pli gravas la libervole akceptita memdisciplino, ol ĉiuj ajn formalaj garantioj de la Statuo kaj reguloj celantaj sinprotekton de la Asocio kontraŭ eraroj kaj mispaŝoj. Nenio povas helpi, se forestas bonvolo kaj sincera deziro agi konkorde por realigi la celojn konforme al la Statuto kaj la aliaj bazaj organizaj dokumentoj de UEA. Alivorte, sen memdisciplino kiel esenca komplemento de demokrateco, neniu demokrata organizaĵo povas ekzisti. Pri tio plurfoje atentigis jam Zamenhof. Ekzemple, en sia fama adiaŭa parolado dum la 8a UK (1912) li diris preskaŭ testamente: "Ĉiujn dubajn demandojn, kiuj koncernas la tutan Esperantan aferon, kaj kiuj ne tuŝas la personan liberecon de ĉiu aparta esperantisto, solvu ĉiam pace, per regula interkonsiliĝo de viaj egalrajte elektitaj delegitoj kaj per disciplina cedo de la malplimulto al la plimulto".

Hector Hodler, la fondinto de UEA, same tiel plurfoje admonis pri la neceso de interna disciplino, kiu, finfine, estas nenio alia ol respekto de libervole akceptitaj respondecoj kaj devoj kiel kontraŭpezo por la rajtoj sur la pesilo de demokrateco.

Malgraŭ tiu pli ol evidenta vero, la memdisciplino estis kaj verŝajne plu estos misprezentata ĝis nerekono. Oni ne hezitis aperte identigi ĝin kun ia armea, serĝenta-kaporala disciplino, kvazaŭ Zamenhof,

aŭ kiu ajn alia pledanto por memdisciplino, estus kiam ajn favorinta ian «armean» disciplinon en UEA, kaj kvazaŭ ĝi entute estus en kultura libervola organizaĵo, eĉ se iu fakte venus al la freneza ideo deziri ĝin. Troviĝis eĉ unuopuloj kaj grupetoj (kutime personoj mem malkapablaj partopreni en kia ajn komuna laboro), kiuj aŭdacis misfamigi tiun konsistan elementon de demokrateco, ligante ĝin al abomene antipatiaj esprimoj kiel «diktatoreco», «kulto de personeco» kaj similaj absurdaĵoj, ĉio kun la celo semi malkonkordon kaj malfidon. Ĝuste tial necesis reveni al la afero de tempo al tempo por precizigi la sencon de memdisciplino kaj por doni al la tuta demando de demokrateco en UEA la ĝustan proporcion.

Oni neniam forgesu, ke demokrateco tutsimple ne povas vivi sen minimuma socia disciplino. Foresto de elementa disciplino en internaciaj rilatoj kondukas al anarkio, terorismo kaj agreso.

En sociaj-kulturaj organizaĵoj foresto de memdisciplino kaŭzas formortadon kaj malaperon.

En UEA, ĝuste pro ĝia alta grado de demokrateco en kondiĉoj de granda heterogeneco de la membraro, malobservo de almenaŭ minimuma memdisciplino kaj de la implicita lojaleco certe kondukus en la abismon de disfalo. Feliĉe por UEA kaj par ĝia estonteco, la komuna prudento ĉiam fine venkis.

*Ivo Lapenna*

*Postskribo*

Tion, kion skribas prof. d-ro Lapenna pri memdisciplino en UEA, mi nur povas subteni. Ĝi validas same ankaŭ por IFEF. Pere de respekto de la leĝaro (statuto), kiun ni mem kreis kaj fiksis, la evoluo de individueco, la harmonia kunlaboro sub samaj kondiĉoj rilate rajtojn kaj taskojn povas plene evoluiĝi.

La vorto «disciplino» de certaj homoj ne estas ŝatata, ĉar oni miskomprenas ĝin, kaj oni komprenas sub disciplino ian kadavro-obeon al mortaj literoj aŭ al diktatoreca gvidanto. Kontraŭe, oni komprenu ke ĉiu socio, ĉiu organizaĵo, ĉiu grupo de homoj bezonas regulojn, laŭ kiuj devas funkcii la reciprokaj kontaktoj kaj laboroj. Tion povas konstati ĝuste ni fervojistoj, kiuj en la ĉiutaga laboro estas frontitaj kun tiom da diversaj reglamentoj, kiuj disciplinas la senakcidentan sekurecan funkciadon de la fervoja trafiko. Ankaŭ la strattrafiko disvolviĝas laŭ difinitaj reguloj, kiujn oni devas respekti, se oni ne volas riski akcidenton.

Disciplino do ne necesas por malagrabligi al ni la ĉiutagan vivon, tute kontraŭe, por fiksi kaj garantii niajn individuajn rajtojn kaj la demokratan defendon de ili. Bedaŭrinde kaj memkompreneble oni en la reglamentoj aŭ statutoj ankaŭ devas fiksi la limojn de individuaj rajtoj, tie ili devas cedi al la interesoj de la socio aŭ en nia specifa kazo, al la landa asocio aŭ federacio. Kaj la respekton de tiuj limoj, decidoj, statutoj aŭ leĝoj oni nomas disciplino.

En tiu senco mi ĝojas pri tiel kompetenta subteno flanke de la UEA-prezidanto, ja eĉ kiel vi konstatis, de Zamenhof mem. Tiuj vortoj kaj tiaj scioj helpu al ni, atingi ankoraŭ pli funkcikapablan organizaĵon, pli fruktodonan kaj celkonscian laboron en ĝiaj organoj.

# JARRAPORTO DE LA SEKRETARIEJO POR 1973

*Jarraporto de la sekretariejo por 1973*
*Antaŭrimarkigo*

Proksimume laŭ la skemoj de pasintaj jarraportoj ni verkis ankaŭ ĉi tiun, kiel kutime, por plifaciligi komprenon kaj komparon. La leganto aŭ — kiel ni esperas — studanto bonvolu pripensi, ke jarraporto ne estas romano supraĵe digestebla, sed postulas iom pli da intereso, precipe por la bonfarto de nia federacio. Komplete komprenebla ĝi nur estas komune kun la raportoj, protokoloj, tagordoj menciitaj en ĝi, ĉiuj aperintaj en «Internacia Fervojisto».

*Niaj mortintoj*

En la raportojaro la morto havis riĉan rikolton en niaj vicoj. Ni devis plendi pri la perdo de *jenaj membroj:*
Ĉehoslovakio: Vaclav Rüzicka.
Danlando: Villy Braendstrup
Francujo: s-ino Favreux
Germanujo: Otto Rosenzweig, Leo Bald, Karl-Heinz Meyer, Ernst Muthschall, Richard Päsler, Hans Feilner, Daniel Jäger.
Nederlando: Gerrit Willem Mast
Svislando: Ernst Wüthrich, Eduard Graf

Krome forpasis *jenaj familianoj* de naj membroj:
Ĉehoslovakio: Edzino de Milaslav Blazek
Francujo: Patro de Robert Coyac
Germanujo: Edzino de Herbert Kinzel
Svedujo: Edzino de Yngve Forslund

*Membrostato:*

Unua konstato: Kresko de 2852 al 2919 membroj, Ĝojiga fakto, ĉar pluso de 67 membroj. Tamen valoras esplori la unuopajn ciferojn, por havi pli adekvatan bildon ol povas doni la nura cifero 67. Ĉar kontribuis al la kresko entute 8 landoj, inter ili (laŭ amplekso de la kresko) Francujo = 27, Belgujo = 25, Hispanujo = 25, Germanujo = 22, Japanujo kiel nova landa asocio = 21, Norvegujo = 2 kaj Britujo = 1, entute *plus 163.*

Aliaflanke kontribuis al la perdo Bulgarujo = 70, Ĉehoslovakio = 15 kaj Nederlando = 7. Krome perdiĝis 4 izolaj membroj, entute *minus 96.* La 85 perdojn el Bulgarujo kaj Ĉehoslovakujo oni apenaŭ povas kalkuli kiel veran membroperdon, ĉar temas pri mankanta ebleco ĝiri la necesajn kotizojn al nia kasisto. Bedaŭrinde tio negative influas la membronombron, kiu sen tiu regreso denove superus 3000. Ĉiukaze ni des pli alte taksu la faktan pliiĝon en diversaj landoj. Tio fortigas la esperon, ke ne denove necesos skribi tiajn pesimismajn vortojn kiel lastjare en la sama loko de tiu raporto, male, ke iom post iom la federacio altiros novajn adeptojn kaj inter ili ankaŭ junajn, por certigi ĝian daŭran ekzistadon. Fine restas nur la espero, ke al niaj kolegoj en la socialismaj landoj en ne tro malproksima tempo ekfloru pli favora situacio, ne nur por korekti nian statistikon, sed ĉefe por doni al niaj tieaj amikoj la eblecon pli intime partopreni en nia federacia vivo.

Koncerne al la financa flanko de la membrarevoluo bonvolu kompari la raporton de la kasisto en IF 1/1974.

La sistemo de adoptitaj membroj denove pruvis sian taŭgecon. Pere de ĝi en 1973 povis esti helpita al 68 kolegoj en diversaj landoj. Dankon al ĉiuj, kiuj grandanime subtenis la adoptfonduson.

*Honorigoj*

En 1973 la Honora Patrona Komitato restis senŝanĝa. Sed la jubilea kongreso donis okazon, por honori meritplenajn kolegojn, kiuj grandan parton de sia vivo

dediĉis al la federacio. Honora membro de IFEF estis nomumita *Ingvard Kensing* (Danlando) la 15an de majo dum la veterana kunveno. Alia de FISAIC el la manoj de ties ĝenerala prezidanto d-ro Emile Schlesser (13.5.). La dana emerita kolego N. C. Thorstedt, kiu siatempe kuraĝe invitis la unuan IFEF-kongreson al Århus, ricevis librodonacon.

Krome: *D-ro István Bàcskai* (prezidanto de la hungara landa asocio) ricevis la oran gradon de distinga medalo flanke de Landa Konsilio de Sindikatoj.

Kolego *Gvozden Sredić* (prezidanto de la jugoslava landa asocio) atingis la gradon de magistro por ekonomiaj sciencoj.

Ĉi-loke ni menciu ankoraŭ honorigojn, kiujn pro la elstara 25a kongreso prave ricevis la dana landa asocio kaj ties gvidantoj flanke de la dana FISAIC-sekcio (DJIF). DEFA estas deklarita kiel «Asocio de la jaro» kaj niaj kolegoj Henning Hauge kaj Ingvard Kensing ricevis la orajn honorajn insignojn de DJIF.

*Interna laboro*

En 1973 en la sekretariejo alvenis 420 kaj estas forsenditaj 475 *korespondaĵoj*. La ceteraj estraranoj krome skribis dekojn da leteroj ne aparte nombritaj respektive ricevis tiajn korespondaĵojn. Alkalkuliĝas centoj da revuoj legendaj de la estraranoj dum la jaro. Apenaŭ tago sen tiaj okupoj.

*Estrarkunvenoj*

okazis dufoje, nome en marto en Ulm (Germanujo) kaj en novembro en Basel (Svislando). Kiel kutime estis traktitaj ampleksaj tagordoj en agrabla kunlaboro, afable subtenita de la ĉefkomitatano invitita kiel gasto. La ĉefkomitatano forsendis du cirkulerojn kaj la demandilon por la landaj jarraportoj. Ties resumon vi antaŭvideble legos en IF 3/74.

La estraranoj vizitis ankaŭ en 1973 vicon da jarkunvenoj de niaj asocioj. La prezidanto estis en Plzen (Ĉeĥoslovakio) kaj Koblenz (Germanujo), la vicprezidanto en Waterloo (Belgujo) la nederlandan kaj en Koblenz, la sekretariino en Budapesto (Hungarujo), en Japanujo, Koblenz kaj Parizo, la kasisto en Plzen, Krome la vicprezidanto veturis al Tarragona por esplori la situacion kaj trakti kelkajn demandojn kun LKK. La ĉefkomitatano anstataŭis la estraron dum la jarkunveno en Italio.

*Laborplano*

Nian laborplanon ni laŭforte plenumis. La plano mem estas denove distribuita en 1973 al la koncernataj personoj. Ĝi ne konsiderinde estis ŝanĝita kompare al tiu de 1969 (Avignon). Rilate la gradon de ĝia plenumado bonvolu kompari ĝiajn ciferojn kun la resp. ciferoj en la jarraporta resumo verkita de kol. Walder kaj publicita en IF paĝo 37.

Interesan publikiĝaĵon ni prezentis al la kongresanoj en Århus, nome *tabelon de ĉiuj fakaj prelegoj* ek de la jaro 1952 ĝis nun. Ni intencas aperigi saman tabelon en IF por la tuta membraro kaj jam nun rekomendas traduki ĝin poste en naciajn lingvojn por povi prezenti la multflankecon de nia laboro al neesperantistoj.

Punkto 7.1 de la laborplano instigas al organizo de novaj landaj asocioj. En 1973 estis tiom bonŝanca, akcepti en la kongreso de Århus *«Japana Esperanto-Ligo Fervojista» (JELF)* kiel novan, 20an landan asocion. Tiu vere ĝojiga evento ne venis el si mem, sed estis la frukto de jarojn daŭraj klopodoj de la sekretariino, kiuj celtrafe kondukis al la fina aliĝo de la japanaj kolegoj. Precipe inter ili kaj la sekretariino evoluis tre amikaj rilatoj, tiel ke ŝi estis invitita al vizito en Japanujo. Raporto pri la vizito aperis en IF 6/73.

Konforme al posicio 27.3 de la labor-

plano ni menciu ĉi tie, kvankam okazinta sur nacia loka nivelo, la fondon de du grupoj en Bellinzona resp. Lugano, ĉar ni povas konsideri tion kiel rektan sekvon de la 24a kongreso. Gratulinda agado!

Pri la *terminara laboro* vi povas legi en IF 73. paĝoj 39 kaj 91. Inĝ. Ludoviko Sekereŝ (Jug.) transprenis la gvidadon de la Terminara Komisiono. Bedaŭrinde ne povis elektiĝi komisiona sekretario, ĉar neniu pretis akcepti la taskon.

Raporton pri la *Fakprelega Komisiono*, kies gvidanto restis inĝ. Willi Brandenburg (Germ.), enhavas IF paĝo 58. Ankaŭ ties sekretario ne estis elektita, same kiel mankas ĝis nun la landaj kunlaborantoj komisionanoj. Ni esperu, ke la stato en ambaŭ komisionoj baldaŭ konformos al la statuto.

IFEF partoprenis laŭ peto de UEA en mondvasta agado de multnombraj aliaj organizaĵoj, nome memoris sian membraron je la 25jara datreveno de la Universala Deklaracio de la Homaj Rajtoj (IF paĝo 86).

Unu el la plej gravaj aferoj, kiu severe ŝarĝis la animojn de la estraranoj, fariĝis la *demisioj de la kasisto kaj redaktoro*. Dum kelkaj monatoj necesis palpaj korespondadoj kaj buŝaj konferencetoj por finfine kaj vere lastmomente trovi du bonvolajn kolegojn pretajn akcepti tiujn du oficojn kaze ke la komitato elektos ilin.

La nova *statuto*, valida de la unua de januaro 1973, montriĝis taŭga instrumento por gvidi la federacion. Ĝi tamen ne nur taŭgas por la gvidado, sed sendube daŭre helpos, ke demokrateco ĉiam regos en IFEF.

*Junularo*

Ĉi tiu ĉapitro ĝuste en la pasinta jaro pli kaj pli fariĝis prema. La koncizaj vortoj, skribitaj en la lastjara raporto, nuntempe eĉ ne povas esti ripetitaj, ĉar la junulara sekcio de IFEF apenaŭ ankoraŭ povas esti nomata tia. Mankas al ĝi ĉia iniciatemo, tiel ke oni nur kun zorgo povas atendi la pluran evoluon en 1974. Certe ekzistas tie kaj tie junularaj aktivecoj sur nacia nivelo (komp IF p. 39), sed tio ne pravigas internacian sekcion. Ĉiukaze ne sufiĉas unu fojon jare ĉeesto de du dekoj da gejunuloj en internacia skisemajno, kiu cetere ĉefe estas organizita flanke de nejunuloj, kaj tie improvizii kelkajn gajajn vesperojn. Estas ja konata fakto, ke organizaĵo, ankaŭ junula, nur povas ekzisti, se krom amuzo oni dediĉas iom da penado al ĝi.

*25a kongreso*

La jubilea kongreso okazis de la 12a ĝis la 18a de majo en Århus kun 509 aliĝintoj el 19 landoj. La trian fojon la danaj kolegoj kuraĝis organizi nian internacian manifestacion. Ne estas nia tasko, ĉi-loke priskribi tiun brilan, bonege sukcesintan aranĝaĵon. Raportojn vi trovas en IF 3 kaj 4, same la prelegotekstojn. Sed ni elpiku diversajn kongreserojn gravajn, prosperigajn, karakterizajn por la federacio.

*Elstaris*

— la impona kongresejo «hotelo Mercur», hejmo por la kompleta kongreso,
— la informa fako, kiu celtrafe estis gvidita.
Bonefika gazetara konferenco kaj 5 sinsekvaj «Bultenoj» pri la kongreso estis la fruktoj.
— ekumena diservo, kiu vere solene enkondukis la kongreson,
— solena malfermo, kiun ĉeestis eminentaj personoj de la fervojoj, landa FISAIC-asocio, ŝtato, komunumo kaj kiel tre ŝatata gasto la ĝeneralprezidanto de FISAIC,
— malavara ĝentila akcepto de la tuta kongresanaro en la belege ornamita urbdoma salonego flanke de la urbo Århus,

— bonege vizitita bankedo kun festa karaktero,
— du valoraj fakaj prelegoj verkitaj de eminentaj profesiuloj kaj efikplene prezentitaj,
— interesa faka ekskurso al vagonfabriko Scandia,
— rezolucio destinita ĉefe por la fervojoj kaj sindikatoj, sed ankaŭ por ĉiuspeca publiko. Kvankam oni ne tro taksu la rezultojn de rezolucio, ĝi tamen konatigis nian starpunkton en tre konciza formo al multaj personoj,
— veterana kunveno, kiu kunigis grandan nombron el niaj plej aĝaj kaj pli aktivaj membroj 25 jarojn post fondo de la federacio,
— transdono de jubilea donacaĵo en la plenkunsido al la estraro,
— neforgeseblaj ekskursoj kaj 2 kulturaj vesperoj, en kies unu amike kunagis ceteraj libertempaj grupoj de fervojistoj.

Kiel kongresloko por 1974 elektiĝis Tarragona (Hispanujo), kiel kongreslandon por 1975 ni antaŭvidas Aŭstrujon.

*Informado*
okazas ĉefe sur landa resp. loka niveloj kun escepto de la kongreso kaj kelkaj okazaj kontaktoj de la estraro kun neesperantistaj instancoj. Pro tio plej trafan respondon donas la resumo pri la jarraportoj en IF paĝo 38. Kvankam ĉi tie la pozicio «informado» estas traktita nur tre koncize, ĝi tamen estas kaj restas unu el niaj plej urĝe solvendaj taskoj. Ĉiam rekomendindas eluzi la jarkunvenojn por informi plejble multe da neesperantistoj pri nia afero.

*Eksteraj rilatoj*

La rilatoj al *UEA* daŭre restis fruktodonaj. Niaj jugoslaviaj kolegoj kunlaboris en la 58a Universala Kongreso en Beograd, ĉefe en formo de aparta kontaktkunveno fervojista, kiu poste evoluiĝis al kvazaŭ fervojista tago. Okazis tie faka prelego (inĝ Sekereŝ, IF paĝo 73) kaj samtage eĉ fakprelego en la Internacia Somera Universitato (magistro Sredić). La lasta estis funde prilaborita kaj tiom ampleksa, ke ne eblis aperigi ĝin en IF pro spacomanko. Oficialaj reprezentantoj de IFEF en la UK estis niaj du UEA-komitatanoj A, D-ro Bácskai kaj B. Kurt Greutert. Cetere jam ekmarŝis la preparlaboroj por nia partopreno en la 59a UK en Hamburg.

Ankaŭ kun *FISAIC* daŭris la ĝenerale bona kunlaborado, kiu tamen nur povas kompletigi la kunlaboradon sur nacia nivelo, ĉar laŭ la FISAIC-statuto internaciaj organizaĵoj ne povas tie membriĝi. Daŭre restas gravega tasko por tiuj el niaj landaj asocioj, kiuj estas membroj de la FISAIC, nome ili ekzakte informu siajn landajn FISAIC-sekciojn pri sia agado, donu al ili ĉiam la plej novajn ciferojn, tradukojn de niaj fakprelegoj, raportojn pri la IFEF-kongresoj kaj similajn indikojn. La pola landa asocio de IFEF membriĝis al la FISAIC kiel unua grupo el socialisma lando.

Jen per koncizaj vortoj la plej esencaj trajtoj de nia lastjara agado. Ĝi estis tiom vastvasta, ke certe ne ĉio grava povis esti tuŝita. Tamen por atenta leganto (komune kun la menciitaj aliaj raportoj kaj artikoloj) ekestis bildo, kiu pruvas, ke multloke en nia federacio oni klopodas antaŭenpuŝi nian movadon. Tio donas la esperon, ke nek la laboroj de la unua generacio nek la nuntempa estis kaj estas vanaj. Se la homaro pluvivos, ankaŭ nia lingvo pluvivos, ĉar la homaro ĝin bezonas.

Frankfurt/Main, la 31an de januaro 1974

*Elfriede Kruse*
Sekretariino

# JARRAPORTO DE LA REDAKTORO PRI 1973

Jen raporto pri la redaktado de nia ĵurnalo, Internacia Fervojisto por la jaro 1973.

Aperis kiel kutime 6 numeroj kun entute 100 paĝoj, ilustritaj per 40 diversaj fotoj, desegnaĵoj kaj insignoj.

De jaro 1968 mi redaktis nian ĵurnalon, ek de la 20a kongreso de IFEF en Varna.

Nian fervojistan esperantomovadon mi pritraktis kiel internacia trajno, kie ni estraranoj deĵoras kiel trajnistaro, kaj ĉiu kongreso estas stacioj laŭ la linio.

Dum mia deĵoro la IFEF-trajno haltis krom en Varna, kie mi komencis mian deĵoron: en Avignon — Maribor — Lugano kaj en Århus.

La venonta stacio estas Tarragona, kaj tie mi finas mian deĵoron. Nun mi dankas al la kunestraranoj por bona kunlaboro en nia trajno kun la celo kontentigi kaj informi niajn pasaĝerojn. Al la pasaĝeroj — la membraro, mi dankas pro bona kontakto kaj atento dum 6 jaroj.



Kliŝo: NSB, Oslo

De Tarragona la trajno daŭrigos kun nova konduktoro = redaktoro, kun novaj fortoj kaj kun aliaj ideoj ol miaj.

Mi deziras al li kaj al la legantaro ĉion bonan dum la daŭra veturado.

Løten, Norvegio 1.2.1974

*Per Johan Krogstie*

Redaktoro.



# Junulara angulo



De la 9-a ĝis la 16-a de Februaro 1974, MARIBOR denove akceptis IFEF-anojn, sed ĉi-foje okaze de la 15-a Internacia Fervojista Esperanto ski-semajno.

30 gepartoprenintoj el 7 landoj: Aŭstrio, Belgio, Francio, Germanio, Italio,




Nederlando kaj Jugoslavio — la pli juna estis franca knabino 8 jaraĝa — sin retrovis sur la monto Pohorje, en la bela hotelo Bellevue, de kie ni havis elrigardon sur Maribor kaj la valo de la Drava rivero.

Tuj post la alveno, ĉiuj ricevis koverton kun diversaj dokumentoj, belan medalon kaj ski-semajnan insignon.

Komence de la semajno ni ĝuis tre belan sunon, je kontentiĝo de la promenantoj kaj de la skiintoj kiuj ĝojis trovi skivojojn preskaŭ je la dispono de nia grupo. Aliflanke kelkaj povis amuzi per sledo sur speciala vojo.

Sed ĉiutage iom pli malaperis la neĝo, pro tio la ski- kaj sled-konkuroj okazis sufiĉe frue dum la semajno. Bedaŭrinde, nebulo invadis la regionon dum la lastaj tagoj; tamen la plej kuraĝaj daŭrigis la skiadon dum aliaj vizitis la urbon. Notinde estas ke ĉiumatene la laboristoj de la stacio alportis per raŭpkamionoj ŝarĝojn da neĝo kiujn ili malŝarĝis sur la senneĝaj lokoj kie estis etenditaj tapiŝoj de plasto por reteni ĝin.

Ĉiu-vespere ni kunvenis en privata salono, kie ludoj, diapozitiva prezentado, dancoj kaptis la atenton ĝis malfrua horo. La lingva konkuro ricevis ankaŭ grandan sukceson kaj malfacila estis la elekto de la plej bona parolado.

Ĵaŭde posttagmeze, ĉiuj kuniĝis en la salono por ĉeesti la disdonadon de la premioj. Partoprenis S-ro Karel Klanĉnik, Prezidanto de la Komitato por sporta aktiveco ĉe Fervoja Ekonomio en Ljubljana, kaj S-ro Joze Grmek, Prezidanto de Regiona Komitato por sporta aktiveco en Maribor.

Multnombraj estis la pokaloj kaj la donacoj: libroj, glasoj, paper naz- kaj manĝ-tukoj, ĉemizoj, ski-ĉapoj, ktp., kaj ĉiuj gepartoprenintoj de la ski-, sled kaj lingva konkuro ricevis diplomon kaj premion, sub la fulmo de la fotaparatoj kaj la aplaŭdoj de la ĉeestintoj. Sed venis la momento por atribui la IFEF-premion: kiu gajnis ĝin? Estis nia juna amiko Guido BRANDENBURG kiu ricevis de la manoj de S-ino KRUSE belan kaj bonkvalitan vekhorloĝon.

Nome de la Italaj Fervojoj, ge-sroj GIMELLI kunportis belan medalon kun sportisto kiun ricevis la skiinstruisto kiel rekompenso por sia laboro kaj kiel instigilo al pli perfektiĝo en nia lingvo.

Menciinde ankoraŭ estas ke la organizanto sukcesis ricevi el kristal-fabriko vazon kun la enskribo «IFES 74» je tre favora prezo.

Vespere okazis la kutima ŝatata vesperkarnavalo. Tiuokaze ni povis saluti, inter alie, paron en japana kostumo, diversajn sportulojn kaj 2 strangajn arbojn kiuj malrapide promenis en la salono. Ĉiuj dancis kaj sin amuzis ĝis frumatene en la ĉiama varma etoso de tiaj kunvenoj.

Ĉar la vetero estis ankoraŭ nebula vendrede, ni uzis la okazon por sperti alian sporton: la naĝado. En tute moderna banejo, deko de gepartoprenintoj sin retrovis por ĝui la ripozon en la akvo, kaj la junuloj provis fari konkuron. Eĉ la pli juna partoprenintino multe spertis la naĝadon.

Sed rapide la momento por adiaŭi venis, kaj vespere ĉiuj sin promesis bal-

daŭan renkontiĝon: ĉu en Tarragona dum la IFEF-Kongreso, ĉu en Plan Val Gardena (Italio) dum la 16-a IFES.

Tiun agrablan semajnon ni ŝuldas al nia amiko Jovan MIRKOVIC kiu, preskaŭ tute sola kaj malgrau multaj malfacilaĵoj, sukcesis — kelkfoje lastminute — starigi programon, kaj ni elkore lin dankas kaj gratulas por lia granda sindonemo.



# EL LA FERVOJISTA MONDO

Norvegio:



Direktoro Per Engen

*Per Engen fariĝis direktoro de Norvegaj Ŝtataj Fervojoj.*

La estraro de NSB dungis Per Engen, Hamar, kiel direktoro por la funkcia servo.

Per Engen kiu estas 49-jara kaj kiu dum la lastaj jaroj funkciis kiel supera inspektoro en Hamar distrikto de NSB, estas aktiva esperantisto.

Krom esti delegito de UEA en Hamar kaj peranto por SAT en Norvegio, li estas elstara membro de IFEF kaj de NEFA.

Dum longa periodo li estis estrarano de NEFA, kaj li estis sekretario en LKK por la 17a kongreso de IFEF en Hamar 1965.

Per Engen estas solide edukita en la fervoja medio. Li komencis sian karieron kiel aspiranto por poste deĵori kiel telegrafisto kaj poste kontoristo, unue en la stacidoma kaj poste en administra servo diversloke.

Li studis lingvojn, transporton kaj ekonomion en-kaj eksterlande, tial li estas sperta por transpreni la novan altrangan funkcion. Ni esperantistoj kiuj estas inter la intimaj geamikoj de Per Engen, konas lin kiel energioplena kaj tre simpatia homo, kiu estas ampleksa humoristo kaj antaŭ ĉio fidela en amikeco.

Kun koroj plenaj je ĝojo ni gratulas lin kaj deziras al li feliĉon dum la sekvontaj jaroj.

*Red.*

# Listo de «fervojaj fakdelegitoj» en la reto de UEA

*Aŭstrujo:* Karl Vavra, Siedlung 43, A 8720 St. Margarethen ĉ/Knittelfeld
Lorenz Stocker, (cem.ferv.), Kärtnerstr. 12, A 8720 Knittelfeld

*Belgujo:* C. S. Meus, tekn.inĝ. Groenstraat 75, B-200 Antwerpen
Raimond Steenhout, Pamelstraat 296, B-9400 Ninove

*Brazilo:* Leonidas Silva, Caixa Postal 1701, Curitiba (Paranâ)
Joáo O. de Mello, em.ferv., Praca de Republica 54—2°, Zc-14 Rio de Janeiro (Guanabara)

*Britujo:* David Henry Wild, 41 The Broadway, Nantwich, Cheshire, CW 5, 6 JH Crewe (Cheshire)

*Bulgarujo:* Simeon Simeonov, elektr. inĝ, ul Gavril Genov 22, Sofia

*Ĉeĥoslavakio:* Miloslav Blažek, lokomotivestro, Bezdékov 470, Ĉeska Trebova
Jaromir, Rebiĉek, Humpolecká 208, Havliĉkov Brod
Karel Skrobák, Dimitrovova 139, Ostrava

*Danlando:* E. Henning Olsen, ferv. oficisto, Aderupvej 182, DK 4700 Næstved

*Finnlando:* Matti Voltti, em.rektoro en ferv. lernejo, Untuvaisentie 4 b B 64, SF-00820 Helsinki
Armas Honkanen, vaporkaldronisto, Sandelinink 3 B 19, SF-05800 Hyvinkää

*Francujo:*
Georges Villeneuve, ferv. desegnisto, 29 Route de Margency, Eaubonne F-95600
André Hervouet, ferv., 2 Cottage Henri Dunant, F-92380 Garches
Jean Chapellier, em.ferv., 109 avenue de la Malgrange, F-54140 Jarville (Meurthe-et-Moselle)
André Blondeaux, em.ferv. «Nia Kasteleto», Rue de Glevian, F-29125 Loctudy (Sud-Finistère)
André Giovenal, emer. trafik. ferv., 3 Place d'Helvétie, F-69009 Lyon
Albert Lienhardt, em.ferv.inĝ, 24 Fbg de Riedisheim, F-68100 Mulhouse
Auguste Broise, em. inĝ, La Madeleine, F-27320 Nonancourt (Eure)
André Loisel, ferv.of. 59 Cours Clémenceaŭ, F-76100 Rouen
Robert Coyac, ferv, 7 Rue Hoche, F-78500 Sartrouville
Germaine Lemonnier, eksfervojistino, 14 Rue J. B. Potin, F-92170 Vanves (Hauts-de-Seine)
Jean Requillard, ferv, La Croix Moreau, F-18100 Vierzon (Cher).

*Germanujo:* Erhard Herlitze, ferv., Beethovenstr. 32, D-53 Bonn-Beuel 1
Heinz Dieter Hartig, Lokestro, Kaseler Str. 76, D-28 Bremen 1
Elfriede Kruse, ferv. Oficistino, Schweizer Str. 104, D-6000 Frankfurt/Main
Fritz Lautenbach, ferv. Abtstor 21, D-6400 Fulda
Ignatz Palmhenrich, ferv, Postweg 6, D-4831 Spexard-West, Gütersloh
Peter Hermanns, em.ferv. Nöhstr. 35, D 5800 Hagen/Westf.
Alfred Schnetzer, staciestro, Moltkestr. 15, D-4700 Hamm/Westf,
Joachim Giessner, ferv. of., Bahnhof, D-3420 Herzberg/Harz
Gernot Ritterspach, ferv. of., Berliner Allee 1, D-6070 Langen/Hess
Karl Bernhard, ferv, Sauerbruchstr. 8, D-6700 Ludwigshafen/Rh
Josef Ballo, ferv.of., Princess-Luisenstr. 90, D-4330 Mülheim-Broich
Karl Simon, em.ferv.of., Guido-Schneble-Str. 8 III, D-8000 München
Alois Hans, ferv, stacidomo, D 6730 Neustadt/Weinstr. private D-6735 Maikammer, Blumenstr. 7
Heinz Schindler, ferv. of, Max-Klein-Str. 21, D-5830 Schwelm
Wilhelm Grass, ferv. ĉefinsp., Meteorstr. 13, D-5650 Solingen
Werner Heimlich, ferv.of., Fröbelstr. 4, D 3040 Soltau/Hann.

*Grekujo:* Konstantinos Zaĥariades, em. ferv., Petrombei 4, T. T. 507, Thessaloniki

*Hispanujo:* Tomás Ortiz, Garcia, ferv, c). Fernando Poó 45—7°-D, (Buzon 40) Madrid 5

*Hungarujo:* D.ro István Bácskai, ferv. ĉefkonsilisto, Arpád fejedelem u. 28a Budapest XVII-Rakoŝhegy
D.ro Ferenc Phersy, Budapest
D.ro Imre Ferenczy, ferv.ĉefkuracisto, Jokaistr. 13—17 1/5 Györ
István Temesi, ferv. oficisto, I. Mada-

rász V u. 19 II 2 Miskolc
Ferenc Kapcsándi, ferv. Honvéd ut. 2/B, Zalaegerszeg
*Italujo:* Germano Gimelli, ĉefelektr.tekn., Via Donato Creti 61, I-40128 Bologna
Aldo Formaggio, ferv. (oficejo) via Andrea Doria 5, Ragioneria, I-16126 Genova
D-ro Antonio De Salvo, ŝtata oficisto, Via Olbia 15, I-00182 Roma
Alfredo Bassetti, oficisto, Via Giusti, I-38100 Trento
D-ro Serio Boschin, ferv. of., Via Eritrea 8, I-31100 Treviso
Spartaco-Fulvio Tarlindano, sup.ŝtat-ferv.staciestro, Cannaregio n-ro 53/a, I-30121 Venezia
Attilio Liotto, ferv, Via Cairoli 67, I-36100 Vicenza
*Japanujo:*
*Jugoslavio:* Milivoje Maraŝeviĉ, trafik-inĝ, Valvazorjeva 8, Y 6200 Maribor
*Norvegujo:* Per Engen, ferv.direktoro, Store Presterudvei 35, N-2300 Hamar
Per J. Krogstie, ferv.of., 2340 Løten
John Moe, ferv, Gimlev. 23, Jar, N-1342 Oslo
*Pollando:* Erasm Nawrowski, ferv., ul. Hetmanska 20/I, Gdynia
*Rumanujo:* Joan Sirbu, em.ferv. Bulevardo Lenin 92, Sc.C.Ap 8, Et. 1, Brasov
*Svedujo:* Gunnar H. Särnholm, ferv., Friggagatan 5, S-52100 Falköping (Västergötland)
Erik Bengtsson, ferv., Domaregatan 13 a, Helsingborg
Ingvar Östelidh, ferv., Hööksgatan 29-D, S-652 29 Karlstad
Evert Rausek, ferv. S. Bulltofsvägen 56-B, S-212 22 Malmö
Sven Ragnar, relvojestro, Odalgatan 23 A, S-602 29 Norrköping
Harry Bengtsson, lokestro, Odlarvägen 9, S-831 00 Östersund
Yngve Forslund, lokomotivisto, Hyttlidgatan 58-B, S-931 00 Skellefteå
Folke Petterson, ferv., Ängkärrsgatan 8, S-171 58 Solna
*Svislando:* Hans Hunkeler, trajnestro, Im Ifang 4, CH-5000 Aarau
Kurt Greutert, lokestro, Via Monte Ceneri, CH-6512 Giubiasco
Johann Lutz, trajnestro, Himmelrichstr. 61, CH-6010 Kriens kaj CH 6000 Luzern
Otto Walder, lokestro, Esperantoweg 10, CH-8590 Romanshorn
*Svislando:* Johannes Jüstrich, pens. ferv, Grossackerstr. 2, CH-9000 St. Gallen
Werner Schaufelberger, lokestro, Imfeldstr. 99, CH 8000 Zürich
*USA:* William H. Schulze, em.ferv. administranto, 410 Darrell Road, Hillsborough (California) ankaŭ San Francisko

## Fervojistoj en aliaj fakoj delegitoj de UEA

*Aŭstralio:* D = Sidney H. Grant. eks-ferv., c/o Post Office, Port Lincoln, South Aŭstralio.
*Brazilo:* D = Sebastiáo Paiva, em.ferv., Rua Alto Purus 7—28, Baŭru (Sáo Paulo.
D = Ary Zamora, em.ferv., Caixa Postal 2223, Rua Sáo Carlos Pôrto Alegre (Rio Grande do Sul).
*Britujo:* D = Joseph S. Gavan, em. ferv., 55 Greenbank Terrace, Lower Darwen, Blackburn, BB 3 ORN.
D = Horace Barks, em. fervojinspektoro, 25 Mars Street, Stoke-on-Trent ST 6.
*Ĉeĥoslovakujo:* D = Oldrich Antoŝ, ferv. ofic. Krásnostudenecká 17, Dècin VI.

*Finnlando:* FD (turismo) Nils G. Narvala, insp., Majavatie 14 A 7, Sf-00800 Helsinki 80.
D = Yrjö Hiltunen, ferv., Viitakummuntie 9 D 24, SF-45200 Kouvola.
D = Mauno Oksala, ferv., SF-37800 Toijala 6.
VD = Uuno Aaltonen, ekslokomotivestro, Juhannuskatu 8/76, SF-20100 Turku.

*Francujo:* D = Jean Tuffier, ferv., 43 bis Rue de Billancourt, D-92100 Boulogne-Billancourt
D = Geo Junier, ferv. insp., «La hejmo», Fbg des Pervieres 67/2 F-70100 Gray
FD (radio amatora) Vianney Harpet, ferv., 3 Rue Sebastian Gryphe F-69007 Lyon
VD = Renö Lecocq, em. ferv., «Les Desres», F-37270 Veretz Tours
FD (naturismo) Andre Charras, ferv., 6 Rue Louis Ageron F-2600 Valence (Drôme)

*Germanujo:* D = Max Wiesmann, ferv. of. Gunterstr. 2, D-8352 Grafenaŭ
D + FD (Turismo) Hans Barmaneter, ferv. D-8941 Hetzlinshofen Post Benningen

*Japanujo:* D = Zensuke Kusuda, konsilisto, Kandakitadori 7-195, Amagasaki

*Jugoslavio:* FD (arkeologio) Marinko Gjivoje, ferv. of., Poŝtfako 25, Zagrebacka Dubrava, Y 41000 Zagreb

*Pollando:* D = Jan Raszka, ferv., ul. Kolejowa 19, Racibórz

*Sovet-Unio:* FD (ŝako) Jánis Gailitis, ferv., Silciema 15/5—69 Riga 24

*Svedujo:* D = Erik Olsson, ferv., Torngatan 18, S-69400 Hallsberg

*Svislando:* VD = Andre Dubois, lokestro, Chemin de Cerlier 37, CH 2500 Biel-Bienne
FD (turismo) Ernst Glättli, subĉefo, Laurstr. 17, CH 5200 Brugg (Aargau) turismo



# FERVOJNOVAĴOJ

*Lokomotivoj por Ĉinio el Eŭropo*

Por pligrandigi kaj modernigi sian en la Federacia Respubliko Germanio stokon la Popola Respubliko Ĉinio aĉetis 36 modernajn dizel-lokomotivojn kun kapacito ĝis 5 500 ĉevalfortoj. Dum certa tempo pluraj inĝenieroj de la Germana Federacia Fervojo faris la necesajn teknikajn kontrolojn kune kun siaj ĉinaj kolegoj.

Ankaŭ francaj industriaj entreprenoj liveros 40 elektrikajn lokomotivojn de 25 kilovatoj kaj 50 hercoj. Tiuj maŝinoj similas al tiuj, kiuj liveritaj en 1960, sed ili estas pli modernaj kaj kapablaj. Krome estas menditaj — ankaŭ en Francio — 50 dizelelektrikaj lokomotivoj. Ĉiuj tipoj devas plenumi la specifajn postulojn de la lando, kie regas temperaturoj inter — 40° kaj + 40° C. La ekzamenoj kontentigis la ĉinajn inĝenierojn. Preskaŭ ĉiuj elektrikaj lokomotivoj estas liveritaj, kaj la plejparto el ili jam funkcias. La dizelaj lokomotivoj estos transportataj baldaŭ por sia longa vojaĝo per ŝipoj.

*Traduk. de W. Barnickel*

## Recenzo

H. Sienckiewicz: La lanternisto kaj aliaj prozaĵoj. 207 paĝoj, formato: 14 x 20 cm. Eldonita de Dansk Esperanto-Forlag, Ingemannsvej 9, DK-8230 Åbyhøy, Danio.

*

La tradukado de bonstilaj literaturaĵoj precipe polaj, formis la lingvon Esperantan, diris iam D.ro Kabe.

Malgraŭ la fakto, ke liaj tradukoj aperis unuafoje antaŭ tridek jaroj, ilia stilo, simpla kaj klara, ankoraŭ nuntempe povas servi kiel modelo.

Jen la motivoj, kial ni entreprenis la reeldonon de kolekto de belaj prozaĵoj, kiujn li tradukis el pola lingvo.

La legintoj de liaj tradukoj: «Patroj kaj Filoj» kaj «La Faraono» certe aplaŭdos la reaperadon de tiuj ĉi prozaĵoj, kiujn ni kolektis el diversaj antaŭmilitaj eldonaĵoj: el iama revuo, «Lingvo Internacia Krestomatio» kaj fine la *tutan* kolekton de prozaĵoj, kiuj aperis libroforme sub la titolo «Pola Antologio».

Dum multaj jaroj tiuj eldonaĵoj jam ne plu akireblaj kaj tial inter la nuntempaj Esperantistoj tiuj tradukoj estas apenaŭ konataj.

Tiu manko nun estas forigita.

FILATELISTOJ!

Se daŭre ekzistas filatelistoj kiuj pagis al s.ro Rottman por unutaga koverto kaj stampo okaze de la 25a jubilea kongreso en Århus, kaj ankoraŭ ne ricevis sian monon.

Ili povas turni sin al DEFA, kiu tre bedaŭras la aferon kaj ordigas ĝin por vi.

La sekretariino de DEFA, Asta Klausen, Gemnersvej 11, Stilling, DK-8660 Skanderborg, Danio.







En Hungario la poŝta administracio eldonis poŝtmarkon kun teksto en la internacia lingvo.

Tio bonege pruvas ke Esperanto estas alte taksata kaj pritraktata kiel serioza lingvo.

Jen la motivo estas montrita en formo de poŝtkarta surpreso, kune kun specialŝtampo pri Vintra Esperantoferio en Budapest.

## Anonco

LA TRIA INTERNACIA KONGRESO DE KRISTANAJ ESPERANTISTOJ (la 35a de IKUE, la 26a de KELI) okazos en Jugendpark, Hamburg-Langenhorn, Germanio de 20. ĝis 27.7. 1974, do tuj antaŭ la Universala Kongreso.

Pliaj informoj kaj aliĝiloj estas haveblaj ĉe la provizora sekretario de IKUE, s-ro F. Galbusera, V Ghiacciaia 6, I—37100 Verona, Italio kaj ĉe la sekretariino Tini Putto, Weerdestein 43, NL—6100 Ede, Nederlando.

Se eble b.v.aliĝi antaŭ 15.4. 1974.

Le redaktfino por la venonta
IF estas 5.6. 1974.
Presita de presejo A. Sæther A.s.
N-2300 Hamar, Norvegio.